# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika“ (Ika), de „Internacia Katolika Esperanto Oficejo“ (IKEO) de „Mondjunularo Katolika“ (Moka), kaj de „Blanka Kruco“ (Internacia misio katolika)




**Numero 4/5, 1923/24** | **Graz, Aŭstrio** | **Aŭgusto-Septembro** | **III. Kolekto 1923/24**


## La 3a Internacia Katolika Kongreso en Konstanz.

Dank' al la helpo de Dio ĝi bone sukcesis! Multe pli bone ol ni povis esperi; multe pli fruktodone ol ni kuraĝis atendi. Dankon al la helpema Dio! Dankon al niaj senlacaj kunlaborantoj en ĉiuj landoj, kiuj kuraĝe nin helpis prepari la kongreson! Dankon al ĉiuj kongresistoj, kiuj ne timante la malfacilaĵojn kaj oferojn de longaj malagrablaj vojaĝoj, donis al ni fortojn kaj ilojn por atingi feliĉegajn rezultojn. Dankon precipe al lia althonorinda **Episkopa Moŝto, Mgro Fischer-Colbrie,** episkopo de Kaŝovice, Ĉeĥoslovakio, kiu malgraŭ la peza ŝarĝo de sia multjara episkopeco ne nur ĝojege akceptis esti **honora prezidanto de la kongreso,** sed eĉ persone ĉeestis preskaŭ ĉiujn kunvenojn gravajn, instigante la kongresanojn per la fajraj vortoj de sia amobrula, vere apostola koro aŭ konsilante per la prudenteco de sia profundega scienco kaj longviva sperto. Dankon ankaŭ al niaj amikoj en Konstanz, precipe al lia pastra moŝto Dro Gröber, estro de la Münster-paroĥejo, kiu nome de lia arĥepiskopa moŝto de Freiburg salutis kaj ĉeestis la kongreson, dankon ankaŭ al niaj altŝataj amikoj Dro Baur kaj Otto Kaltenbacher, kiuj en modela kaj oferema maniero prizorgis la lokan preparon. Koregan dankon fine al la tuta katolika loĝantaro de Konstanz, kiuj ne nur plej gasteme akceptis la katolikajn gefratojn el ĉiuj landoj, sed per multnombra partopreno entuziasma montris sian vere katolikan, vere paceman spiriton!...

* * *

Malluma kaj malcerta estis la tutmonda situacio, kiam la prezidantaro de Ika decidis aranĝi la trian kongreson en Konstanz. La kruela interbatalo interne de la okcidenta kristanaro, kiu minacas ruinigi la tutan Eŭropon, tiam ekprenis novan malfeliĉan instigon per la okupado de la Ruhr-teritorio. Pli kaj pli alkreskis la naciaj pasioj, pli kaj pli disiĝis la koroj kaj landoj. Konferenco sekvis post konferenco; diplomata memorando post memorando. La Papo mem per publikaj leteroj kaj per multnombraj diplomataj paŝoj klopodegis realigi justan pacon! — Ĉio restis sen sukceso kaj nenio montras pli klare, pli dolorige la nuntempan senpovon internacian de la katolikaro ol la evidenta **malsukceso de la papaj porpacaj klopodoj!** Fakte Pio XIa same kiel Benedikto XVa estis forlasita per la katolikaro, kiu parte kvietigis la konsciencon per la ridinda azerto, ke la Papa aŭtoritato ne valoras en politikaj aferoj, laŭ la framasona, kontraŭkrista doktrino makiavela kaj hereza, ke la politiko kaj moralo ne havas komunan parton!!...

En tiuj malfeliĉaj cirkonstancoj devis okazi la preparo de la tria internacia kongreso, kiu devus frate kunigi la katolikojn el ĉiuj eŭropaj landoj. Ne mankis voĉoj — eĉ de plej seriozaj kaj kompetentaj personoj, kiuj proponis aŭ konsilis, ne aranĝi aŭ almenaŭ prokrastigi la kongreson; ĉar ili diris, ke malsukceso povus kompromiti la internacian katolikan movadon. Sed opiniante, ke malaranĝo estus pli grava kompromitiĝo de la katolikaro, kvazaŭ efektiva bankrotiĝo de la internacia katolika agado — dum la socialistoj en sama jaro kunvenis en Hamburg, la komunistoj en Berlino — ni eklevis la okulojn al la bonega Dio kaj konfidante al sia helpo ni kunvokis la kongreson. Ĉar al ni ŝajnis vere katolika devo, ĝuste en tiu malluma periodo ekstarigi la blankan oran standardon de la Papo kaj de la paco, meze de la ĝenerala malpaco kaj al ĉiuj kristanoj kaj nekristanoj de Eŭropo montri, ke la katolika amo super ĉiuj ruinoj kaj disiĝoj vivas kaj ekfloras kaj kuraĝas agadi.

Kaj Dio estis kun ni! Pli ol 300 amikoj de la internacia movado katolika kunvenis. El preskaŭ ĉiuj eŭropaj landoj ni povis saluti kongresanojn inter ili plej influajn kaj agademajn gvidantojn de la katolika vivo. Kaj multe pli granda estis certe la nombro de niaj amikoj, kiuj, malhelpite per distanco aŭ mizera financa situacio tutmonda — persone ne povis ĉeesti. Sed ni sentis kaj sciis: en koroj kaj preĝoj la tuta granda familio de Ika — fratoj kaj fratinoj diverslandaj kaj diverslingvaj — estis ĉe ni en Konstanz: spirite unuigitaj kun ni en la brula amo kaj arda laboremo por la triumfo de la Dia Regno sur tero.

Ne estas eble en tiuj ĉi kelkaj linioj detale priskribi la imponan impreson de la kongreso, la profundan enhavon de la multnombraj traktadoj kaj paroladoj. Ni nur volas doni modestan bildon kaj publikigos plurajn gravajn raportojn en la sekvontaj numeroj de Katolika Mondo.

### Saluta vespero.

Estas je la oka vespere. La granda festsalonego de „St. Johann“, la belega katolika popoldomo, kunigas la jam alvenintajn geamikojn al la unua saluta kunsido. Per koraj, varmegaj vortoj unue Dro Baur, prezidanto de la loka komitato, la famkonata pacamiko kaj organizatoro de la „pentekostaj konferencoj“ ĉiujaraj, salutas kaj bonvenigas la gefratojn diverslandajn. En grandaj trajtoj l' oratoro montras la multcentjaran historion de la urbo Konstanz, kiu depost la tempoj de la Romanoj estis centro de la okcidenta kulturo kaj de la kristana agado, kaj li esprimas la ĝojon, ke tiu katolika urbo, kiu en siaj muroj nun salutas la trian kongreson de Ika, tiel povas estiĝi denove centro de la katolika repaciga laboro. Post lia multaplaŭdita parolado, kunprezidanto de Ika, Prof. Arnold nome de estraro de Ika diris saluton kaj malfermis la kongreson per elekto de la prezidantaro.

### Mgro Fischer-Colbrie honora prezidanto.

Kun entuziasma aplaŭdo la ĉeestantaro salutis lian episkopan Moŝton, Mgro Fischer-Colbrie, kiu ĝojege kaj bonvole akceptis esti honora prezidanto de la kongreso kaj per enkuraĝigaj

## Kiel la kara Dio la malgrandan Engelberton gardis kaj pli poste sin lasis gardi de la granda Engelberto.

Stranga kokvirhistorio originale verkita de Josefo Mockenhaupt.

Supre en la Vestervaldo depost longe estas tiel aranĝita, ke la ovoj nur estas faritaj per la kokinoj. La kokviroj la kriblekadon sur sin prenis. Kaj ili sian kikeriki tiel formperfekte kaj toncerte sonigas, en la krudan montaeron, kiel pli bone, pli bele eĉ neniu koloraturkantistino ĉe la kortega opero tion scipovus. Tiu pacema labordivido — oni tiel aŭdas — estas unuece kaj same tiel organizata de la Lahnrivero ĝis supren Vesterburgon kaj Hohenburgon, de Altenkirchen kaj Dirdorfen gis al la Ŝigo kaj la Rejnfluo. Sed ĉar la kokviroj kun tia memelektata tasko tro malmulte devus fari kaj fine pro senokupeco al diboĉa kaj malzorgema vivmaniero sin donus, la Vestervaldanoj havis la bonan ideon, al ili doni pluan utilan okupon: Ili iris kaj orumis grandan amason de la kokviroj kaj starigis ilin sur la pintojn de la Vestervaldaj preĝejoturoj; ĉar ili pensis, la kokviroj anoncas la venontan tagon, tial ili sidu plej bone sur la preĝejoturoj. Tie ili diru de plej alta loko de la vilaĝo, kiam la tago ekalvenas, tiel ke ĉiu ĝin aŭdu.

La kokviroj tamen estas tre fieraj kaj memkonsciaj kaj tia traktado malmulte plaĉis al ili. Kaj ili interkonsentiĝis, ke estonte neniu, portita sur turon, malfermu la bekon kaj blekkriu. Kaj fakte, depost tiu tempo oni neniun kriadon aŭdis de supre. Tiel severe ili plenumis la premeson de ĝenerala kokvira striko.

Sed fine la senaga restado sur la turkruco estus estinta tro teruro kaj enuiga. Kaj ĉar la kokviroj ne nur havas tre fieran karakteron, sed ankaŭ fortegan scivolemon, tial ili daŭre etendas la kolojn sur la turpintoj kaj cirkaŭenvidas de alta punkto, kio ajn de novo fariĝas en la tero. Ĉe tiu laboro nenio ilin, laŭ ilia vilaĝa deveno, tiom interesiĝas kiel la vetero. Ĉar ili scias, ke la tuta beno de riĉa rikolto dependas de ĝi. Kaj oni povas certe konvinkiĝi: ĉiam, kiam tiu nova kruckavaliro sur la turpinto sin turnas al la „veterangulo“, baldaŭ falas pluvo, kaj kiam li rigardas en la „sunangulon“, tiam baldaŭ ridetos la blua ĉielo.

Tio estas la afero pri la Vestervaldaj veterkokviroj, kiun oni devas koni por kompreni la sekvontan historion. Kaj nun mi komencas la rakonton.

I.

La malgranda Engelberto jam kelkfoje alrigardis kokviron sur la preĝejoturo por esplori, kion ĝi pensus pri la vetero. Sed la orumita kokviro nek vidis dekstren nek vidis maldekstren, sed ĉiam tra la mezo, rekte Limburgon. Tio signifis neniun veteron, nek bonan nek malbonan.

Antaŭ kvar tagoj, matene dek horoj kaj deksep minutoj, ĝiaj piedoj firmrustiĝis, tiel ke ĝi ne povis sin turni kaj tordi, sed ĉiam nur povis Limburgon vidi. Tiam Engelberto demandis: „Kia estas via opinio, patro?“

La patro diris:

„Almenaŭ estas duba. Mi timas, ke fulmotondros. Bone vi kunportu vian kruddrapan mantelon; povas ĝin meti sur la brakon.“

Tion faris la malgranda Engelberto, kaj tiam li kuris en la sakristion. Tie li preparis ĉion diligente, ekbruligis la kandeleton en la malsanullanterno, serĉis la arĝentan sonorileton, kaj almetis la longan ruĝan talaron, kaj sur tio la mallongan blankan robeton. Baldaŭ ankaŭ la pastro venis dirante: „Laŭdata estu Jesu-Kristo, Engelberto“ kaj vestiĝis. Kaj irinte al la altaro, li prenis la sanktan Sakramenton kaj kaŝis ĝin en la ora pelveto, kiun li prenis el la silka sakramentujo ĉe sia brusto. (Daŭrigota.)

vortoj apostolaj salutis la ĉeestantaron, montrante, ke sen Dio ne estas leĝo, sen leĝo ne estas paco. Dum nia kongreso Dio devas esti la centro por servi la pacon.

Kiel ĝeneralaj prezidantoj de la kongreso unuanime estis elektataj: Mgro Hughes, kanoniko, Madrid (Hispanio), Rev. Prof. Don Vercesi, Milano (Italio), Grafino Gerta Walterskirchen, Wien (Aŭstrio); kiel afergvidanta prezidanto: Dro M. J. Metzger, kiel ĉefsekretario K. Mayr, ambaŭ el Graz.

Sekvis solena momento. Memorinte la komunan patron de la kristanaro, la admirindan profeton kaj heroon de la paco, en spirito unuigita kun lia pacema apostola koro, la kongreso sendis Romon la esprimojn de plej profunda danko kaj de plej sindona obeemo per jena saluta telegramo:

Katolikoj el eble 20 landoj en granda nombro kunvenintaj al la tria internacia katolika kongreso en Konstanz por agadi en frata kunlaborado por la paco de Kristo en la regno de Kristo, sendas al Via Sankteco la plej respektplenan sindonemon kaj elpetas la apostolan benon.

Marde vespere venis de la Vatikano jena responda telegramo, kun granda ĝojego laŭtlegita en la fina publika kunsido:

**La Sankta patro ĝoje ricevinte la filan saluton de la tiea kongreso deziras plej riĉajn fruktojn kaj el tuta koro donas la elpetitan apostolan benon. Kard. Gasparri.**

Krom la jam nomitaj tri ĝeneralaj prezidantoj de la kongreso oni poste elektis la prezidantojn de la apartaj fakkonferencoj kun jena rezultato: Porpaca konferenco: Prel. Dro A. Gießwein, Budapest, kunprezidanto de Ika, kaj Dro Mack, Luxembourg; junula konferenco: Prof. Lacroix, Paris, kaj ĉefsekretario Hanns Sappl, München; gazetara konferenco: Mgro Montero, Direktoro de Ora et Labora, Sevilla, kaj Prof. Cieszinsky, Poznán (Polio); misia konferenco: Rev. Prof. Galbeati, opera Card. Ferrari, Milano, kaj Dro M. J. Metzger, Graz; pastra konferenco: Mgro Naz. Orlandi, Siena (Italio), kaj Dro Gröber, Konstanz; komercista konferenco: Dro Reicher, Olmouce (Ĉehoslovakio), kaj Sro J. Mollenhauer, Fulda (Germanio); elmigrada konferenco: Prel. Kanoniko Ledochówski, Olmouce, kaj Dro Größer, Hamburg; filmkonferenco: Dro Schuhmacher, Innsbruck (Aŭstrio), kaj Dro Ernst, Direktoro de internacia „Leo-filmo“, München; instruista konferenco: Prof. Arnold, Zug, kaj Dro Weigl, Amberg; Esperanto-konferenco: Prof. Carolfi, Italio, Sro Muffang, Francio, Doktoro Hinsenkamp, Germanio.

Post finita elekto Dro Gröber, Konstanz, nome de lia arhepiskopa Moŝto Dro Fritz de Freiburg, kiu jam letere estis sendinta la benon por bona sukceso, salutis la kongreson per entuziasmaj vortoj. Sekvis multaj reprezentantoj de episkopoj, oficiale komisiitaj alporti benon kaj saluton al la kongreso ekzemple de ekleziaj princoj de Sevilla, Madrid, Turino, Olmouce, Monaco, Kaunas ktp. Plue oni kun granda aplaŭdo laŭtlegis la nomojn de la multnombraj episkopoj el plej diversaj partoj de la mondo, kiuj letere estis sendintaj benon kaj enkuraĝigon. Ne estas eble ĉi tie citi ĉiujn.

Fine reprezentantojn el plej diversaj landoj alportis salutojn kaj bondezirojn: el Francio, Germanio, Hispanio, Italio, Anglio, Nederlando, Aŭstrio, Hungario, Polio, Litovujo, Rumanio ktp. Multnombraj salutaj leteroj aŭ telegramoj alvenintaj el diversaj partoj de la mondo, eĉ el Ameriko kaj Aŭstralio, senditaj per grandaj organizoj, influaj gvidantoj, kaj naciaj sekcioj de Ika montris unuflanke la kreskantan gravecon de nia movado, aliflanke la vere internacian karakteron de la kongreso.

Per solena preĝo: Ut omnes unum! finiĝis la belega saluta vespero.

## Ika-konferenco.

La interesegaj traktadoj pri la organizata kunlaborado internacia de la katolikoj komenciĝis sabate matene per religia meditado, en kiu oni elpetis la helpon de Dio, komuna patro de la homaro. Tiam mallonga ĝenerala raporto pri Ika, dirita per ĉefsekretario K. Mayr montris unue la disvastigadon kaj ĝisnunajn rezultojn de Ika, poste la organizan formon kaj fine la estontajn taskojn por realigi vere efikan internacian organizon katolikan laŭ la bezonoj de la moderna tempo. Post raportoj pri la movado en diversaj landoj sekvis interesega diskutado pri la problemo de definitiva eklezia aprobo, kiu estas daŭrigata en la direktorara kunsido.

Dimanĉe sekvis la eminenta raporto de Rev. P. Herman Gruber, S. J., Baexen, Nederlando pri „Internacia Kunlaborado de la katolikoj“. Malfeliĉe la mondkonata pioniro meritplena pro malsano kaj malfacilaj nuntempaj cirkonstancoj persone ne povis ĉeesti. Tial Sro R. v. Lama, konata ĵurnalisto katolika, en grandaj trajtoj montris al ni la ideojn de P. Gruber. En impresaj bildoj ni vidis la detruan evoluon de la internacia framasonaro, kiu depost pli ol tri jarcentoj laŭplane kaj sisteme neniigis la decidan influon de la eklezio en la tuta publika nacia kaj internacia vivo kaj akirante la parlamentojn kaj ministeriojn, la universitatojn kaj lernejojn, estiĝis la unua politika kaj ekonomia mondpotenco. Per multnombraj dokumentoj de la Papoj l' oratoro tiam montris, ke la unusola efika vojo al savo estas la kompletigo de internacia katolika organizo, kiu ebligas kuncentrigon de ĉiuj vivaj fortoj katolikaj. La realigo de tiu tasko estas des pli urĝa, ĉar ĝuste en ĉi tiu jaro efektiĝis la kunligiĝo inter la romana-franca kaj anglosaksona-usona branĉoj de la francasonaro, kiu per tio estas la plej forta organizo tutmonda.

Gravega por la plua evoluo de Ika estis la direktoraraj kunsidoj, kie la ĉefaj kunlaborantoj ĉeestantaj traktis pri Ika. Unua problemo estis la demando pri la eble farotaj paŝoj por definitiva aprobo de Ika per la Sankta Patro. Ĉiuj fakuloj, inter kiuj plej eminenta estis Mgro Fischer-Colbrie, persone alestanta, interkonsentiĝis, ke tiu demando bezonas plej diligentan preparon kaj prudenton, ĉar Ika ankoraŭ estas juna organizo, kiu antaŭe per praktika laboro kaj plua disvastiĝo devas montri daŭran ekzistadon kaj multajn praktikajn rezultojn. Por tamen daŭrigi la tiucelajn klopodojn kvinmembra komisiono estas eloktata sub direktado de Mgro Pfeiffer, kiu estonte devas studi la taskon kaj fari la pluajn necesajn paŝojn.

**Belan novelon mallongan orginalan aŭ tradukitan ni serĉas por la felietono.**

Post fintraktado de la organizaj kaj financaj temoj, la kunsidoj finiĝis per elekto de kvara kunprezidanto de Ika, nome de la famkonata pacamiko kaj pioniro de internacia kunagado katolika Rev. Don Ernesto Vercesi, Milano.

## Porpaca konferenco.

Paco estis la vorto, kiu tremis en ĉiuj koroj, kiu ree kaj ree eksonis en la paroladoj kaj traktadoj...

Tiun ardan deziron, tiun ĝeneralan senton Rev. Don Vercesi mirinde, entuziasme, fajre ekflamigis, kiam li, ĝojege aplaŭdita per la ĉeestantaro, parolis pri la aktuala temo: „La nuna tasko internacia katolika.“

Depost la milito, li komencis, multaj klopodoj ekstaris por realigi pacan kunagadon katolikan. Plej parte ili tamen estis tro politikaj; la politiko, plena de internaj kaj eksteraj disiĝoj, ne povas esti komuna bazo.

Nur la roma, la papa paco povas esti fundamento. Romo oftege parolis. Sed la katolikaro ne aŭdis! Kiel la encikliko „Rerum novarum“ estis preparata per multaj internaciaj konferencoj, sama tasko por ni nuntempe. Ni devas serĉi la katolikajn principojn pri la internacia kunvivo de la popoloj, pri paco kaj milito. Oni povas esperi, ke tiuj problemoj estos traktataj per la remalfermota koncilio. Nun ni devas estiĝi preparantoj de tiuj decidoj.

Unuanime estis akceptita la propono, ke por la sekvonta kongreso estu fiksata listo de tiucelaj temoj traktotaj per fakuloj diversnaciaj; unuanime estas akceptita la de li proponita rezoluzio, ke Ika en la propagando por la paco sekvu la klarajn principojn de la encikliko „Ubi arcano“, kiuj devas esti disvastigataj en la tuta mondo.

Sro Perron, Besançon, meritplena batalanto por la interpaciĝo, tiam montris al ni, ke la ĉefa kaŭzo de la milito kaj malamo estas la ĝenerala disiĝo de Dio kaj postulis, ke vere neŭtrala komisiono devas esti formata, kiu esplorus la respondecon de ĉiuj ŝtatoj je la pasinta milito.

Sekvis fine profundscienca raporto de Mgro Pfeiffer, Kaŝovice, kiu klarigis al la kongreso la „katolikajn principojn de paco laŭ la encikliko ubi arcano Dei“. Ĉar ne estas eble tie resumi la gravajn doktrinojn, ni la raporton publikigos en Katolika Mondo.

La rezultato de la porpaca konferenco estas esprimita en jena unuvoĉe akceptita rezolucio:

La kongreso senkondiĉe akceptas kiel fundamenton de porpaca laboro la enciklikon „Ubi arcano“ kaj la aliajn tiucelajn publikigaĵojn de la Apostola Seĝo;

komisias specialan komisiitaron, ellabori la fundamentajn pripacajn tezojn laŭ la granda katolika tradicio kaj la leteroj de la lastaj papoj;

rekonas la necesecon de vere internacia kunligiĝo de la popoloj por forigi per vere supernacia kaj neŭtrala tribunalo la konfliktojn kaj disunuiĝojn interŝtatajn per la internacia juro;

salutas la kunigon de la mondpacligo de Kruco Blanka kun Ika, tiel ke Ika estonte en speciala sekcio esprime laboras kiel internacia porpaca organizo laŭ la Papa pacprogramo.

Favoras la kreon de internacia katolika konsilantaro por paso, kiu konsistanta el scienculoj kaj politikistoj, devas studi la principojn de la katolika paco kaj helpi al solvo de interŝtataj konfliktoj.

## La virina konferenco.

Sur iniciato de grafino Gertha Walterskirchen, kunprezidantino de la kongreso, la ĉeestantaj virinoj en speciala komisiono pritraktis la aktualan demandon, kiel la katolika virino povas efike kunhelpi por disvastigadi la porpacan spiriton en la moderna socio. En multaj plej interesaj interparoladoj oni interkonsentiĝis, ke la katolika virino kiel patrino havas eminentan taskon kaj oni decidis laŭpove disvastigadi la pacan spiriton en la jam ekzistantaj organizoj virinoj. Le kreo de speciala komisiono virina estas proponita.

## Franca-germana repaciĝo.

En du apartaj plej interesaj kunsidoj la francaj kaj germanaj kongresistoj pritraktis la aktualan konflikton inter la du ŝtatoj. Tute malkaŝe, sed ĉiam en frata sento, one klarigis la ambaŭflankajn vidpunktojn, la eblajn aŭ faktajn erarojn por trovi, almenaŭ en malgranda rondo, la vojojn kaj ilojn al venonta repaciĝo. La ĉeestantoj fine interkonsentiĝis kaj esprimis la deziron, ke oni uzu ĉiujn ilojn por interkonatiĝi pli efike kaj resumis la opinion en rezolucio, kies ĉefa enhavo estas, ke la daŭra repaciĝo inter Francio kaj Germanio estas plej urĝa devo por la savo de eŭropa civilizacio. Ĝi ne nur estas politika kaj ekonomia problemo, sed precipe morala kaj religia devo. Tial senpera intertraktado tuj estas necesa. Ĝojege oni salutis la proponon de francaj amikoj, ke en ĉiu unua dimanĉo de monato la germanaj pacamikoj oferu la sanktan komunion por Francio kaj la francaj por Germanio (propono tre rekomendinda kaj jam parte realigata. Sciigojn donas Ika, Graz).

## Publika demonstracio dimanĉa.

La dimanĉo tute estis dediĉata al la paca ideo. La belega ĉefpreĝejo „Münster“ jam matene kunigis la kongresistojn al la solena Diservo, celebrata per prelato Keil. La famkonata oratoro Dro Mack de Luxembourg en vere impona prediko montris la solan vojon al la daŭra paco: la amo — kaj je la fino de la meso, nia kara amiko Prof. Carolfi en mallonga Esperantoprediko per nia kara helplingvo diris belegajn vortojn pri amo kaj paco.

Vespere la festsalonego de „St. Johann“ vidis grandiozan demonstracion de la katolika loĝantaro de Konstanz, kiu tiom multnombre sekvis

ideo tra la tuta mondo. Kaj fakte estis tempo, kiam oni povis timi (en la jaroj 1919 kaj 1920), ke la komunista diktaturo realiĝos en grandaj partoj de Eŭropo.

Intertempe en ĉiuj kulturaj ŝtatoj preskaŭ samtempe kaj samforte kreiĝis komunistaj grupoj, ligoj, gazetoj, librejoj ktp. Precipe inter la junularo la nova revoluciema ideo trovis grandan aplaŭdon. Malkontentaj kaj malesperantaj pri la terura mizero de tiu sensenca eŭropa socio eĉ multaj bonvolaj idealistoj sekvis la ruĝan stelon, esperante ke ĝi finfine alportos la matenruĝon de la nova tempo. Certe oni devas konstati, ke la internacia propagando estis mirinde bone organizata. Oni ŝparis nek monon nek personojn por ĉiulande labori sukcese, kaj precipe tuj krei fortan, decidan, kuraĝan organizadon. (Sen imitadi la malbonajn metodojn kaj malmoralajn ilojn, tamen ankaŭ aliaj internaciaj klopodoj povus lerni de tiu vere genie organizata propagando.)

**Jen le taktiko de „unueca fronto!“**

La plua evoluo de la komunista internacio estas konata. Se ankaŭ multaj reforlasis la komunistan standardon, tamen komunistaj grupoj ekzistas en ĉiuj kulturŝtatoj ĝis la interna Azio kaj Hindio. La organizacio estas plej forta kaj firma kaj en tio kuŝas sendube interna potenco. Nur tute konvikitaj kaj decidaj anoj povas aliĝi, ĉiuj „kompromisuloj“ estas senescepte tuj forigitaj. La radikala batalo de la komunismo kontraŭ ln eklezio estas konata.

Rilate la pluan evoluon de la „tria“ oni devas diferencigi inter la evoluo de komunismo en Rusio mem, kiu estis praktika provo por realigi la programon, kaj la tutmonda komunista internacio, kiu restus, ankaŭ se la sovieta sistemo tute dissolviĝus. Pri la evoluo de sovietismo en Rusio oni nun ne povas formi klaran juĝon. Eble estos okazo en speciala artikolo pritrakti tion. Tamen jam hodiaŭ oni povas konstati, ke preskaŭ nenio plu restis de la sovieta sistemo en ekonomia rilato. Ruslando estas kampara lando kaj preskaŭ ne havas propran industrion. Do ĉiujn industriajn produktojn oni devis importi kaj aliflanke eksporti la terproduktojn. Tial oni devis reveni al la kapitalista sistemo por trovi rilatojn necesajn kun la okcidentaj kapitalistoj. En ekonomia rilato do la sovieta sistemo preskaŭ tute malaperis, dum en politikaj aferoj ĉiam ankoraŭ forte regas la diktaturo de kelkaj proletariaj gvidantoj.

Pri la evoluo de la tutmonda komunista internacio hodiaŭ oni nenion povas antaŭdiri. Certe estas nur, ke ĝi montras vere frapantan agademecon kaj senlacan propagandon, kiu komprenebIe havos sukceson.

En tiu rilato estas interesega la lasta broŝuro de Zinovief, grandkomisaro rusa: „La taktiko de la unueca fronto.“ Tie ni legas: „La taktiko de la Internacio alceladas la tutmondan revolucion. Tio estas la taktiko de la komunista partio proletaria de la tuta mondo, kiu preparas la tutmondan revolucion.“

Tiu nova taktiko de unueca fronto tamen ne estas kuniĝo kun la socialdemokratoj. Tute ne. Sed ĝi estas efika propono por la komunista propagando. Laŭ Zinovief la „komunista partio“ estas la „kapo“ direktanta de la tuta laboristaro, kiu devas organizi la batalon kontraŭ la kapitalismo. Por tiu celo, kaj nur por tiu oni devas kunigi ĉiujn laboristojn kiel klasanojn sendiference de partio, al kiu ili apartenas. Interesa estas jena rimarko: „Kiel vidas, kamaradoj, ni ne nur volas la unuecan fronton kun la socialdemokratoj . . . sed ankaŭ kun la anarkistoj, sindikalistoj, senpartiaj kaj kristanaj laboristoj . . . . La malfeliĉo de nia klaso estas, ke la burĝanaro sukcesis per diversaj vojoj, precipe la gazetaro kaj eklezio, tranĉi en pecojn la laboristan klason. Tiel ĝi venkis kaj tenas sin ankoraŭ en potenco. Kiam ni sukcesos batali kune kun la kristanaj laboristoj kontraŭ la burĝanaro, ĉi tiu estos perdita . . .“

Certe, la jaro 1923 estos la komenco de nova epoko en la laborista movado tutmonda. Nova kuncentrigo de la fortoj estas organizata. La devoj de ni katolikoj rezultas de si mem. La amasoj de la laboristaro bezonas la eklezion; ĉar ili forigis la tutan supernaturon el sia movado kaj per tio senreliigis la vivon de la laboristaro kaj falis en idolanan materialismon, la ĉefa kialo de la daŭra malsukceso; ĉar nur la Dia spirito povas venki kaj plibonigi la materion. AlifIanke la eklezio bezonas la amasojn de la laboristaro; ĉar la Dia regno estas sen limoj kaj esceptoj por ĉiuj klasoj, precipe por la malriĉaj kaj mizeraj, kaj la alvoko de la Savinto, inviti kaj gajni ĉiujn homojn por la Dia Regno valoras same kiel en la unuaj tagoj de la kristanismo.

Fr. Josefo.

## Leteroj el Ĉeĥoslovakio.

Al Dro Alfonso Neubauer, kiel danko por afabla kunhelpo.

### I.

Intencante informi nian katolikaron pri vivo en ČSR, mi opinias, ke por kompreni nunan situacion estas dezirinde scii ion pri nia historio. Ĉeĥa kulturo estas kunligita en mia patrujo kun eklezio. Cetere ĝis nun fremdujo scias tiom malmulte pri ni, ke nunjare okazis en Paris stranga situacio bone tion monstranta: Kiam ĉsl. sportistoj iris stadionon, ili estis demandataj, ĉu oni devas ludi aŭstran nacian himnon! Tiu kaj similaj kaŭzoj devigis min skribi ĉi tie historion de ĉeĥa nacio laŭ katolika vidpunkto. Por eventuala tradukonto mi antaŭe dankas. Estonte mi raportos pri religia vivo.

Respubliko ĉeĥoslovaka, starigita kun ceteraj ŝtatoj sur ruinoj de estinta monarĥio habsburglotringa je la fino de la jaro 1918, ne estas tute nova formo, sed sole restarigita. Jam antaŭ pli ol mil jaroj estis Ĉeĥoj kaj Slovakoj unuiĝintaj sub princo Svatopluk, en Granda Moravio, kiu per sia amplekso estis tre simila al nuntempa Ĉeĥoslovakio, kun tiu ĉefa diferenco, ke politika kaj kultura centro ne estis en Praha, sed en morava urbo Velehrad, kie ankaŭ estis sidejo de nia unua metropolito Sta. Methodej (Methodius). Sed baldaŭ post la morto de Svatopluk (894†) falruiniĝis Granda Moravio kaj unuopaj partoj perdis ilian sendependecon pro interna slava malkonkordo kaj sekve de atakoj kaj intrigoj eksteraj. Ĉirkaŭ la jaro 907 la Granda Moravio malaperas el serio de eŭropaj ŝtatoj. Nelonge post estis kreita nova centro politika en Praha, cirkaŭ kiu dum deka jarcento grupiĝis tuta Bohemio, al kiu post 1025 denove estis alligita Moravio; kontraŭe Slovakio, estinte dum ia tempo pomo de l' malpaco inter ŝtatoj bohema, pola kaj hungara, estis finfine destinita por Hungario, ĉe kiu ĝi estis preskaŭ 900 jaroj kaj Bohema ŝtato estis dum ĉiuj pluaj jarcentoj sen Slovakio, sed estis plivastigita kaj estiĝis potenca alidirekte.

La plej grandan gloron kaj potencon ĝi atingis dum la 13a kaj 14a jarcento, precipe dum la reĝo Karolo luksemburga (1346-1378), dum tiu tempo Praha kaj Bohema ŝtato entute havis proksimume la saman signifon en Centra Eŭropo, kiel cirkaŭe 1900 Berlin kaj Germana ŝtato, tiel ke katolikaj periodoj de ĉeĥa nacio estas kiel zenito en ĉeĥa historio. Tio estas tempoj de reĝo Svatopluk kaj samtempe de metropolito Methodius dum romana epoko, kaj tempo de l' reĝo Karolo kaj lia konsilanto Arnošt el Pardubice dum gotika epoko. Komence de 15a jarcento estis bohema lando trafita per religiaj bataloj, en Anglio iniciataj per Wiccleff kaj ĉe ni per liaj ĉeĥaj sekvantoj (precipe M. J. Hus). Simile kiel nuntempa Ruslando per konsekvenca praktikado de marksismo elterigis por si malĝojan tombon, tiel en 15a jarcento Bohemio per religia mistikula bolŝevismo, kiu estas komence de 1517 favorita per germanaj lutheranoj, elterigis tombon la sendependeco.

En jaro 1526 post morto de lasta slava reĝo elektis husitaj Ĉeĥoj, kiel reĝon Ferdinandon I. Habsburgan, kiu samtempe estis estro en Alpaj landoj aŭstraj kaj en Hungario. Ferdinando kaj liaj posteuloj iom post iom konstruis el originalaj tri ŝtatoj: bohema, aŭstra kaj hungara unu imperion, nuliginte rajtojn bohemajn. Formale malaperis bohema ŝtato en jaro 1749, kiam estis nuligita popra bohema registaro. Per tiu fakto la senfortigita ĉeĥa nacio vekiĝis el centjara dormo, en kiun ĝi estis enfalinta post la jaro 1620, post doloraj operacioj de perforta rekatolikigo. Ĉi tiu dormo estis tamen bonfartiga dormo de resaniĝanto. Ĉeĥa nacio, sanigita el religia malsano kaj redonita al unueco de katolika religio denove iom post iom resaniĝis kaj fariĝis potenca, kiam ĝi denove gajnis sendependecon inter eŭropaj ŝtatoj.

(Daŭrigota.)



## Taskoj de internacia katolika eldonejo.

Esperanto estas viva lingvo; sed ne ankoraŭ tiom ofte parolata kiom skribata. Do la venko plej parte efektiĝas per skribitaĵoj: gazeto kaj libro. Nu, se ni volas sukcese enkonduki esperanton en katolikaj rondoj, estas nepre necesa, ke ni havu imponan gazeton kaj plej modernan, agadkapablan eldonejon. Jam plurfoje estas konstatita la fakto, ke ni katolikoj, kaŭze de tro malmultaj abonintoj, ne havas sufiĉe ampleksan gazeton, inda de granda katolika movado.

Bedaŭrinde oni devas konstati la samon pri la katolika eldonejo. La ĝenerala movado ne nur preskaŭ en ĉiu ŝtato havas plurajn tre efikajn kaj finance fortajn eldonejojn. Ĝi posedas ankaŭ vere admirindajn internaciajn, kiuj ĉiumonate preskaŭ eldonas plurajn gravajn kaj riĉenhavajn verkojn. Kie restas ni katolikoj? Paŭluŝ-eldonejo, nuntempe la sola nurkatolika Esperanto-eldonejo preskaŭ ne kapablas dum unu jaro publikigi kelkajn verketojn pro manko de sufiĉa kapitalo.

Kaj la terura sekvo. La katolikoj estas devigataj legi ne nur religie „neutralajn“, sed ofte kontraŭreligiajn verkojn, dum la multvalora katolika literaturo (internacia jam en Mezepoko), la antikva kaj la moderna restas netradukite kaj nelegite. Kiom longe ni toleru ĉi tiun hontan situacion, malinda de la granda katolika eklezio. Ĉu ne la nekatolikoj devas ricevi la impreson, ke krom kelkaj preĝlibroj kaj broŝuretoj ne ekzistas ŝatinda katolika literaturo?

Ĉu ni eble devas denombri taskojn de internacia katolika eldonejo. Ĉu ne estus belega tasko eldoni kolekton „filosofan“, enhavante ĉefajn verkojn de kristanaj filosofoj de ĉiuj jarcentoj kai lingvoj, aŭ „sciencan“ serion kun gravaj sciencaj verkoj ĉiulingvaj, aŭ „literaturan“ libraron, elekton el la plej belartaj katolikaj verkistoj ĉiujarcentoj, aŭ „socian“ aŭ „mistikan“ seriojn ktp. — aŭ peradi ĉiujn bonajn Esperanto-verkojn, tiel ke ĉiu katolika frato povus mendi ĉiujn verkojn senpere ĉe „sia“ eldonejo.

Kiu bela tasko tiel vere fruktigi la grandajn trezorojn de la katolika literaturo kaj scienco. Neniu instituticio aŭ movado havas literaturon, komparebla kun la katolika. Kaj ĝuste tio ne estu Esperantigota kaj tiel alirebla al la tuta mondo? Ĉu ni daŭre rifuziĝu je la literatura misio de la eklezio en la moderna tempo?

Jam estas metitaj la fundamentoj por tiu granda katolika eldonejo. Jam estas ellaborita taŭga plano. Jam granda nombro de la samkredanoj aliĝis al la internacia obligacia societo „Paŭlus-eldonejo“. Jam aperis, multaplaŭdita katolika preĝlibro. Jam estas preparitaj tri gravaj aliaj verkoj: „Imitado de Kristo“, la „Evangelioj“, kaj la „Katolika Adresaro“, ĉiuj elirontaj laŭeble ankoraŭ en ĉi tiu jaro.

Sed kio estas tio kompare al la grandioza tasko? Fratoj, ne mankas la verkoj, ne mankas taŭgaj tradukistoj (kvankam ofte ne facile troveblaj) mankas nur tri aĵoj: mono, mono, mono: ĉion ni mem povas kaj volas doni, nian forton, nian oficejon, nian presejon. Sed unu ni ne povas doni, la kapitalon, estante malriĉuloj. La kapitalon devas doni vi, karaj fratoj, se vi volas, ke la katolika movado kresku. Kio volas la celon, devas voli la ilojn; alie li estas senenergia idealisto, kiu nur plendas, kritikas, kaj revas en nealireblaj aerokasteloj, sed neniam malsupreniras al la kruelaj realaĵoj de l' mondo.

Do se vi volas la venkon de la katolika movado, ankoraŭ hodiaŭ aĉetu obligaciojn de Paŭlus-eldonejo: ĉu de unua serio (po 10.000 aŭ kr.) aŭ de dua serio (po du dolaroj aŭ samvalora mono).

Sed ne hezitu! Duoble helpas, kiuj tuj helpas.

Kasparo Mayr.

# La evoluo de la socialista movado tutmonda.

**La du-duona kaj kvara internacio.**

Preterirante la trian (komunistan internacion de Moskvo) ni mallonge raportu pri la „du-duona" de Wien kaj la „kvara" de Hamburg. Baldaŭ post eksplodo de la milito la pli radikalaj elementoj de la „dua", malkontentaj pri la naciema agado de la apartŝtataj gvidantoj, kiuj ne nur ne kontraŭbatalis la militan spiriton, sed sub titolo de la „unueco sankta" eĉ subtenis la militaristajn registarojn kaj persone partoprenis kiel ministroj, iniciatis la kreon de nova (tria) internacio radikala kaj kontraŭmilita. La mondkonataj konferencoj de Zimmerwald (1915), kie Lenin eldonis alvokon al revolucio kaj batalo kontraŭ la „socialpatriotoj" kaj „socialperfiduloj", kaj de Kienthal (1916) estiĝis la iniciatoj de la tria internacio, kiu denove revenis al la plifruaj metodoj kaj teorioj, per perforto kaj revolucio ruinigi la burĝan kapitalistan socion kaj starigi la komunistan ŝtaton de la proletariaro. La „dua" internacio socialdemokrata klopodis renovigi sian organizon. La Internacia Socialista Oficejo, de Bruxelles translokigita al Kopenhagen dummilite, kunvokis por aŭgusto 1920 la internacian kongreson en Ĝenevo. Sed la unueco restis preskaŭ nur sur papero. Efika kunagado nenie sukcesis kaj ĝis la nunaj tagoj oni devis konstati certan senpovon de la socialista internacio. Fakte neniu konflikto kaj interpolitika batalo estas malebligata per ĝi. Kontraŭe la socialistaj fortoj mem estis disŝiritaj per plej akraj internaj konfliktoj. Granda parto de la nove kreitaj socialistaj partioj („sendependaj") ne aliĝis al la dua, kiu estis „reakcia" nek al la tria, kiu nur akceptis pure komunistajn sekciojn. La metodo de la „tria", ĉie enplantigi „komunistajn semojn" kaj per tio de interne disrompi la „duan" certe sukcesis. En tiu ĥaoso la socialistaj gvidantoj de Wien (precipe Adler kaj Bauer) iniciatis la kreon de nova socialista internacio („du-duona"), kiu devus denove unuigi ĉiujn socialistajn fortojn. Post du antaŭkonferencoj en Bern kaj Innsbruck ili kreis en februaro 1921 la „Internacian agadunuiĝon de ĉiuj socialistaj partioj". Ĝi revenis al la antaŭmilita programo socialista, realigi per akiro de la politika potenco la socialistan ŝtaton. Remarkinda estas tamen, ke oni pli klare ol ĝis nun postulis la batalon kontraŭ la milito. La objektiva raportisto tamen devas konstati internan kontraŭdiron. Ĉar oni ne kuraĝis rifuzi la perforton kaj interklasan militon kiel ilon de interna politika sukceso, dum oni volas kontraŭbatali perfortan militon inter la nacioj.

La du-duona multe klopodis realigi sian ĉefan taskon, restarigi la „unuecan fronton" de ĉiuj socialistaj partioj. Longtempe sen sukceso. Nur post la reunuiĝo de la du grandaj socialistaj partioj en Germanio (Nürnberg 1922) la espero je sukceso kreskis. Sub la impreso de la grandaj progresoj de l' internacia faŝismo kaj pro la timo pri la ĉie pligrandiĝanta forto de la kapitalista „reakcio", ĉiuj socialistaj partioj decidis dum la ĝenerala kongreso en Hamburg (majo 1923), dissolvi la duan kaj du-duonan kaj krei la unuigitan „Laboristan Internacion Socialistan".

Ne plu estis grandaj fanfaronadoj, ne plu estis entuziasmaj paroladoj kaj fantasiaj minacoj, ne plu promesoj de „oraj montoj" kaj „paradizaj vilaĝoj", kiujn la mondo aŭdis. Estis kontraŭe silentema soleneco, firma decidemo kaj celscia antaŭenpaŝo. Kelkfoje oni aŭdis eĉ tre pesimistajn vortojn. La programo ne plu estas teoria kaj malreala scienca sistemo. Oni nur starigis komunan agadan programon. La positiva celo estas: la akiro de la politika potenco en ĉiuj ŝtatoj por krei la kontraŭkapitalistan ŝtaton kiel liberiĝo de la laborista klaso. La negativa: decida batalo kontraŭ la internaciaj „faŝismo", „reakcio", „kapitalismo" kaj „militarismo". Ankaŭ en Hamburg oni akcentis la energian batalon kontraŭ la milito kaj por la paco. La internacia agada oficejo havas la sidejon en London, tiu centjara centro de la mondpolitiko. La dissolvo de la dua internacia frapante similas al la disiĝo de la unua en 1872. Tiam eliris la anarkisto rusa Bakunin. La socialismo kaj la malreala anarkismo por ĉiam disiris. En Hamburg estas perfektigata la daŭra disiĝo inter la socialismo kaj komunismo, teoria kaj malreala. Kaj rimarkinda estas la kreskanta alproksimiĝo de la socialismo al la reala vivo. Kion multaj jam longe antaŭdiris, fakte okazis: ju pli multe la socialistoj estas devigataj partopreni je la respondeco pri la ŝtata vivo, des pli certe kaj rapide ili alproksimiĝas al la realaĵo de l' vivo. Ĉar la realaĵoj estas pli fortaj ol la teorioj.

Neniu povas esti profeto. Do oni ne povas antaŭvidi la evoluon de la kvara. Tamen oni devas rimarki, ke la batalo kontraŭ la kapitalista sistemo ne ankoraŭ estas finita. Ĝi hodiaŭ nur komenciĝas. La kuncentrigo de la socialistaj fortoj kaj la reveno al la realeco certe donos pli grandan influon ĉe la amasoj laboristaj. La ĝisnunaj malsukcesoj sendube ankaŭ donis grandan sperton al la gvidantoj. La finbatalo inter kapitalismo kaj socialismo kiel du kontraŭaj ekonomiaj sistemoj estos terura. Ĉu la fino estos la ĝenerala revolucio kaj pereo de Eŭropo? Ĉu oni fine trovas la „oran mezon", kiun sole povas montri la sankta katolika eklezio? Jes en la religio estos la solvo, kiu diras, ke estas unuflanke malpermesata sin riĉigi senlime kaj mizuzi la homan fraton por egoistaj celoj, kaj aliflanke, ke certa socia ordo estas necesa por la bonfarto de la homaro.

Se ni resumas la periodon depost 1914 ĝis la fondiĝo de la „kvara" en Hamburg, ni devas konstati, ke tiu epoko estis la „revolucia" ekstere kaj interne. La malfeliĉa evoluo de la eŭropa socio, bazata sur idolana ŝtatrajto, implikata en la nekrista kapitalista sistemo, frukto de la individualista idolana liberalismo, kaj tute blindigita per malamo, ŝovinismo kaj militarismo, ekspodiĝis la grandan militon, kiu per si mem jam estas perforta „revolucio" kontraŭ la natura evoluo de la homaro. La longdaŭra militado vekis ĉiujn malbonajn instinktojn kaj pasiojn homajn: kaj tio estis la plej terura „revolucio", la revolucio kontraŭ Dio, kontraŭ la moralo, kontraŭ la frata sango kaj la homa naturo, laŭ Aŭgustino, de si mem „kristana". El tio sekvis post finiĝo de fratmortiga katastrofo en grandaj partoj de Eŭropo la politika kaj socia „revolucio". Historia fakto estas, ke dum tiuj ĉi revolucioj parto de la socialistaj postuloj estas realigata. Preskaŭ en ĉiuj eŭropaj ŝtatoj oni nun havas aŭ havos baldaŭ la ĝeneralan voĉdonan rajton por ĉiuj viroj kaj virinoj; ĉie valoras la leĝo pri okhora labortago, protektaj leĝoj kontraŭ dumnokta laboro; en plej multaj ŝtatoj oni havas la „laboristajn konsilantarojn" en la fabrikoj. Oni kreis la internacian laboroficejon en Ĝenevo por realigi interŝtatajn kontraktojn por protektado de la laboro ktp.

Aliflanke estas same historia fakto, ke la socialismo ne sukcesis malhelpi la eksplodon de milito, ke ĝi ne sukcesis ĝis hodiaŭ efike influigi la internacian politikon, ke li kontraŭe interne kaj ekstere disrompiĝis, revoluciiĝis kaj nun komencas denove kuncentrigi internacie la fortojn.

Rilate la militon kontraŭ la kapitalista sistemo oni devas konstati ke malgraŭ kelkaj sukcesoj rimarkindaj, la kapitalista sistemo ĝis nun venkis „preskaŭ sur ĉiuj linioj". Ne estas tie la loko por diskuti la kaŭzojn. Tamen oni povas iom prijuĝi la situacion, pensante, ke la kapitalismo kiel ekonomia sistemo estas produkto de multcentjara evoluo. Estis tempo, kiam ĝi ne ekzistis, kaj estos tempo, kiam ĝi ne plu ekzistos. Kiel solvi la problemon laŭ kristana vidpunkto, oni eble povas pripensi pli poste. Hodiaŭ nur estas fakto, ke la kapitalismo estras la mondon kaj ke disversspecaj fortoj per diversaj iloj kaj metodoj klopodas ĝin anstataŭigi per pli kristana kaj pli justa sistemo. Se la socialismo revenus al la prakristaj spirito kaj metodo de la unuaj kristanoj, la problemo estus baldaŭ pace solvota. Intertempe la socialismo daŭrigas la batalon kontraŭ la religio kaj komplikas, eĉ malebligas pacan solvon.

**La tria (komunista) internacio.**

Ni jam rakontis la naskiĝon de tria internacio okaze de la konferenzoj en Zimmerwald (1915) kaj Kienthal (1916), kie la radikala parto de la socialistoj sub la gvidado de Lenin eksiĝis el la dua internacio. Sed efika kaj valora estiĝis ĉi tiu fakto, kiam Lenin kaj Trotzky post malsukceso de la unua (burĝa) revolucio en Ruslando, sukcesis (1917) starigi la komunistan registaron. Depost tiu tempo Moskvo estis la centro de la komunista movado tutmonda, kaj tie oni kreis en marto 1920 la komunistan internacion, la „internacion de la agado", kun la esprime dirita celo: per revolucio kaj perforto realigi la tutmondan diktaturon de la proletariaro. Mirinde estas fakte la rapidega kaj forta disvastiĝo de la komunista

# Adolf Kolping.

**Fondinto de la internacia metiista unuiĝo katolika.**

Je la 8a decembro 1813, naskiĝis Adolf Kolping en Kerpen, Germanujo. Siaj gepatroj estis honestaj vilaĝanoj, kies tuta havaĵo estis difekta dometo, kelkaj kampoj, kaj malgranda ŝafaro. La familio estis tre granda, kio kaŭzis al la gepatroj multajn zorgojn. Sed religio kai laboremo regis en la familia domo. Tiuj du virtoj estis precipe en la koro de la plej juna filo Adolfo, kiu estis iomete malforta kaj tial ne taŭga por kamparaj laboroj. La tre kapabla kaj religia instruisto vilaĝa plantis en la koro de Adolf la sopiron je pli alta scienca eduko; la malriĉeco ne permesis stutadon. Pro tio la knabo lernis la ŝuistan metion. En jaro 1833 mortis sia patrino. La libertempon li pasigis per studado de utilaj libroj. Dum kelkaj jaroj li laboris en kamparo kiel helpanto kaj poste li translokiĝis en la urbon Köln, unuflanke por perfektiĝi en sia metio kaj pliriĉigi siajn sciencajn konojn. Sed kia surprizo, kiam li vidis la „modernan" vivon dum sia migrado. Li, kiu estis tiel ideala religia metiisto, trovis siajn kunmetiistojn tute senreligie, senmorale kaj senklere. Tio dolore vundis sian pian koron kaj li sentis ardan vokon en la brusto, kiu lin devigis ŝanĝi la vivstaton.

En jaro 1836 li malsaniĝis kaj revenis dum kelka tempo al sia patra hejmo. Dum tiu tempo maturiĝis lia longe pripensita decido pastriĝi. Kun paroĥestro Lauffs en Blatzheim, najbara vilaĝo, li priparolis sian ideon, kaj tiu helpema paroĥestro fervore subtenis lin ĉe sia studado; en jaro 1837 li komencis viziti la gimnazion en Köln. La 24 jara ĝisnuna ŝuisto sidis inter 14jaraj knaboj en la lernbenko. Tiu situacio certe ne estis agrabla. Granda zorgo akompanis siajn gimnaziajn jarojn, kaj li estis feliĉa, kiam li fine kapablis doni privatan instruon, por akiri necesan vivnutraĵon. 1841, post seninterrompita studado de triduonaj jaroj anstataŭ kvin, Kolping bonege plenumis la ekzamenon kaj vizitis tiam la universitaton en München. La rimedoj por plua studado li ricevis de la riĉa filino de la bienulo, ĉe kiu servis sia patro. Dum la universitatjaroj parolis Kolping kun sia konstudanto W. E. Ketteler, la pliposte famkonata sociala episkopo de Mainz, pri sia penso, kiel pastro labori denove en sia antaŭa profesio kaj krei katolikan helporganizon por la metiistoj.

1844 post la finiĝo de la studado universitata Kolping iris en la seminarion de Köln kaj pastriĝis tie je la 13a de aprilo 1845. Sed en sian ĝojon miksis sin doloro, ĉar sia patro mortis je la antaŭa tago. Kolping estiĝis kaplano en la urbo Elberfeld, kiu pro industria evoluo rapide kreskis, kaj per tio estis danĝerega por la junaj metiistoj. Venis nun la feliĉa tempo por Kolping, kiam li povis labori por siaj junaj amikoj. Li fondis unuiĝon por la migrantaj metiistoj, kun la celo veki en ili la religian vivon, doni fakkursojn, instrui ilin en ĉiuj utilaj aferoj. Sed per tio non kontentiĝis lia pastra koro. En ĉiuj urboj kaj urbetoj li volis fondi tiucelajn unuiĝojn. Lia granda plano estis konstrui en ĉiuj pligrandaj lokoj katolikajn hejmojn por la malriĉaj, senhelpaj metiistoj migrantaj. Bone li ekkonis, se li volas perfektigi sian celon, li devas grandplane labori en iu granda centro. Li elektis la urbon Köln kaj iris tien en jaro 1849. Tie li organizis la religie fidelajn metiistojn, kiuj komence estis nur 7, sed post mallonga tempo 200. Li varbis ankaŭ instruistojn, kiuj tre volonte donis fakkursojn por la membroj. Baldaŭ li aĉetis domon, en kiu la travojaĝantaj metiistoj ricevis loĝejon. La monon por tiuj celoj li kolektis ĉe la bonkoraj riĉaj loĝantoj. Dum la unuiĝo en Köln floris kaj kreskis, ekstaris ankaŭ en aliaj urboj tiaj unuiĝoj, kie la vojaĝantaj migranduloj ekplantis la ideon.

(Daŭrigota.)

la inviton, ke la akfluanta amaso ne povis trovi placon en la granda salonego. Ni katolikoj kaj la Papa pacagado, tio estis la entuziasmiga devizo de la vespero. Parolis i. a. Dro Metzger, grafo de Rougé, kunprezidanto de Ika, Paris, Dro Gröber, Prel. Gießwein, Sino Emanuele Meyer, famkonata verkistino svisa ktp. La senfina unuanima aplaŭdo, kiun ĉiuj oratoroj ricevis, klarege montris, ke la animo de la kristana popolo laŭnature estas pacema kaj eĉ plej malfeliĉa politika situacio kaj ŝovinista agitado ne sukcesis detrui la profundan kristanan senton de la popolo.

## Gazetara konferenco.

Tiu vere interesega konferenco estis prezidata per Msro Montero, Sevilla, kiu prezentis al la kongreso bonegan raporton „La katolika mondgazetaro“, publikigota en K. M. kaj per nia kara kunlaboranto Prof. Cieczinsky, Poznán. Ĉiuj gravegaj problemoj aktualaj de la katolika gazetaro: la porpaca laboro kaj la gazetaro, la kreo de katolika agenturo internacia, de anoncoficejo ktp. per fakuloj estis traktataj. Kiel praktikan rezulton oni tuj kreis internacian komisionon konstantan, kiu, pligrandigota, devas studi la urĝajn problemojn en interrilato kun Ika. La membroj de tiu komisiono, kies prezidanto estas Msro Montero, estos publikigata en K. M. Specialan intereson trovis la propono de Msro Montero pri ĝenerala enkonduko de la „festo por gazetaro“ je la 29a de julio.

La multnombraj deziroj de la gazetara komisiono, estas esprimitaj en la unuanime akceptita rezolucio:

La kongreso rekomendas al ĉiulandaj estroj de la katolikaj organizoj, ke ili uzu la katolikan gazetaron kiel plej efikan ilon por siaj organizoj, ĉar ili per tio, sendepende de la propraj fakgazetoj, garantias la disvastigon de siaj organizoj;

rekomendas al la tutmonda katolikaro subteni la gazetaron katolikan per abono, anonco kaj kunlaborado;

petas la katolikajn estrojn de la tuta mondo, ke ili organizu en siaj landoj ĉiujare la katolikan „gazetaran feston“ je la 29a de junio, kun la programo: preĝo, propagando, kolektado.

La kongreso rekomendas la kreon de konstanta komisiono internacia por la gazetaro, kies tasko estus studi ĉiujn problemojn tiucelajn, precipe la kreon de gazetara agenturo aŭ de kunfederacio de la ekzistantaj agenturoj.

Kun granda bedaŭro la gazetara komisiono devas konstati, ke la katolika gazetaro dum la lastaj jaroj, tranktante pri naciaj demandoj, ofte forlasis la katolikajn principojn. Ĝi atentigas la katolikajn redaktorojn je la porpacaj cirkuleroj de Benedikto XVa kaj Pio XIa dezirante, ke oni ankaŭ en la politikaj demandoj respektu la katolikajn principojn.

## Misia konferenco.

Tiu sub la prezido de Prelato Ledochówski, Olmouce, kaj Dro Metzger, Graz, arangâta konferenco konsistis el du sekcioj: la unua traktis pri la reunuiĝo kun la orientaj eklezioj, la dua pri la rekristanigo de la kulturaj popoloj per enlanda misio.

Pri la reunuiĝa problemo raportis kun eminenta sperto Kanoniko Prelato Ledochówski, montrante unue la historian evoluon de la skismo kaj tiam la nunan situacion. La reunuiĝo certe estas nun plifaciligita depost la detruo de la cara imperio; sed aliflanke la nunaj malfacilaĵoj estas preskaŭ sennombraj. Bedaŭrinde la katolikoj ne estas sufiĉe informitaj kaj preparataj al tiu urĝega tasko (la tuta raporto aperos en Katolika Mondo). Dum la diskutado Msro Fischer-Colbrie aldonante klarigis, ke la nunaj malfacilaĵoj estas vere grandaj, precipe ĉar mankas instruitaj misiistoj, la necesaj seminarioj ktp. En la unuanime akceptita rezolucio la kongreso akcentuis la urĝan necesecon de tiu tasko solvota kaj rekomendis la metodon de la Cirilo-Metoda unio kun centro en Olmouce por sukcesa laboro.

En la dua sekcio Dro Metzger raportis pri la agado kontraŭ la internaciaj sektoj kaj liberpensuloj kaj la regajno de la proletariato. La indiferentismo, la liberpensuloj kaj la sektoj internaciaj estas la grandaj danĝeroj por la eklezio. La indiferentismo mortigas la internan kaj eksteran vivon de la eklezio kaj neniigas ĝian allogan forton por la bonvoluloj ĉiuspecaj.

La liberpensuloj kontraŭbatalas la eklezion kiel proktektantinon de la kredo al Dio kaj precipe altiras la indiferentajn katolikojn kaj — en multaj landoj — la senkristanigitan proletariaron.

La internaciaj sektoj, kiuj precipe en la centraj kaj orientaj ŝtatoj de Eŭropo laboras kun grandegaj fortoj kaj monrimedoj precipe estas danĝeraj, ĉar ili ne gajnas la indiferentulojn, sed plej ofte la bonvolajn, piemajn animojn, kiuj en la eklezio, kies membroj ofte estas infekciitaj per indiferentismo, ne trovas internan kontentiĝon.

La plej bona kaj necesa ilo kontraŭ tiuj grandaj danĝeroj estas unue la vera rekristanigo, la reveno al la praktikata simpla, pia, interna kunvivo kun Jesuo kaj la sankta eklezio, kaj due la organizata rekristaniga laboro precipe per la laika diakonato (apostolato).

En vere entuziasmiga alparolado Prof. Galbeati, Milano, traktis pri la modernaj socialaj taskoj de la katolikoj kaj detale raportis pri la mirinda agado de la Opera Cardinal Ferrari, kiu ne nur en Italio havas plurajn modelajn instituciojn socialajn, sed lastatempe ankaŭ en Palestino kreis centron de sia agado.

En la viva diskutado oni precipe parolis pri la plej taŭgaj iloj modernaj kaj menciis plurfoje la imitindajn metodojn kaj instituciojn de Blanka Kruco, speciala organizo por moderna laika diakonato, pri kiu ni pli poste reportos en speciala artikolo.

Resumante oni akceptis jenan rezolucion:

La kongreso atentigas la ĉiulandajn katolikojn je la urĝa misia tasko de la eklezio, rezultanta el la senkristaniĝo de granda parto de la proletariaro, el la forta agitado de la liberpensularo kaj el la viva propagando de la sektoj, laborantaj kun grandegaj monrimedoj, precipe en mezeŭropaj ŝtatoj.

La kongreso esprimas la opinion, ke la katolikoj ĉiulandaj grandanime devas kunlabori por regajni ĉiujn erarantojn kaj disiĝantojn. Precipe ĝi postulas altaniman komprenon por la hodiaŭa situacio de la proletariaro, kaŭzata per la nekrista kapitalista sistemo ekonomia. Rekonante la internan renovigon al prakrista spirito kaj praktita agado kiel unuan kondiĉon de sukcesa misia laboro, ĝi salutas ĉiujn klopodojn kaj instituciojn, kiuj per eduko de misiaj helpantoj kaj kreo de praktikaj helpinstitucioj, ebligas efikan misian laboron, precipe memorigante la modelajn instituciojn de la Opera Cardinal Ferrari, Milano, kaj de Blanka Kruco en Graz.

**Pri la aliaj konferencoj: junula, instruista, komercista, filma ktp. ni raportos en la sekvonta numero elironta kiel eble plej baldaŭ.**

## La fina festtago.

Post multe da fruktoriĉa laboro venis la solena fina tago, la granda festo de la sankta Virgino Maria. Komuna festmeso, celebrata per lia episkopa Moŝto Msro Fischer-Colbrie kunigis la kongresanojn en la Münster-preĝejo. Estis vere solena momento, kiam lia episkopa Moŝto disdonis la sanktan komunion al la ĉeestantaro, kiun ĉiuj oferis por la restarigo de la paco inter Germanio kaj Francio. Tiel je la fino de la kongreso kuniĝis la koroj en la granda mistera koro de Jesuo, la eterna fonto de amo kaj paco.

Ĉe la sekvonta fina kunsido en la festsalonego de „St. Johann“ komence Dro Metzger rezuminte la belajn rezultatojn de la frata kunlaborado dankis al ĉiuj, kiuj kunhelpis al bona sukceso. Post starigo de la „konsilantaro internacia por paco“, pri kiu ni estonte pli detale skribos, lia episkopa Moŝto en tuŝanta finparolado montris, ke la kristana Romo la vera protektanto de la homaro, povas kaj devas savi la naciojn.

Denove espriminte la plej respektplenan obeemon al la Sankta Apostola Seĝo, lia Moŝto fine donis la episkopan benon al la ĉeestantaro. Kun la katolika saluto: „Laŭdata estu Jesu-Kristo“ finiĝis la kongreso.

Neforgeseblaj estos la belegaj tagoj de Konstanz al ĉiuj, kiuj havis la feliĉon persone ĉeesti la laborriĉajn kunvenojn. La kongreso finiĝis. La laboro rekomencas! Novaj grandaj taskoj donis al ni la kongreso! Sed samtempe ĝi donis al ni la certan konvinkon: **Ika marŝas!! Ni estas sur bona vojo! Antaŭen!! Laŭdata estu Jesu-Kristo!!**

K. M.

## Sciigo.

**Pro la ĥaosa situacio financa en grandaj partoj de Mezeŭropo, nia kara gazeto momente troviĝas en grava krizo. La rapidega disfalo de multlandaj monvaloroj, dum samtempe plialtiĝis la preskostoj en Aŭstrio, kaŭzis al ni grandegan monan perdon. Multaj amikoj ne plu kapablas pagi la vere modestan abonprezon, kaj la pagitaj grandparte senvaloriĝis ĝis kiam ili venis en niajn manojn.**

**Tial ni estis devigataj eldoni ankaŭ ĉi tiun numeron kiel sespaĝan duoblan numeron. Niaj amikoj, precipe el bonvolataj kaj transmaraj landoj, kiuj apenaŭ povas ĝuste prijuĝi la ĥaosan situacion financan, bonvole pardonu tion. Ni esperas, ke ĝis la apero de la sekvonta numero, la situacio iom konsolidiĝos, tiel ke certa kalkulado kaj regula eliro povas esti garantiita.**

**Intertempe ni petas ĉiujn amikojn kore: helpu nin superi tiun krizon, espereble la lastan! Varbu novajn abonintojn! Sendu donacojn por la plibonigo de nia gazeto! Tiam estos eble ankaŭ la multaplaŭditan „Katolikan Revuon“ regule eldoni! Kiu helpas? Ĉiuj donacontoj estos publikigotaj en Katolika Mondo.**

**La redakcio kaj administracio.**

## El ĉiuj landoj.

**Usono.** Laŭ plej nova eldono de „Catholic Directory“ dum la pasinta jaro kreiĝis 234 novaj komunumoj kaj 213 novaj misiaj stacioj. La nombro de la pastroj plimultiĝis je 469 kaj estas nun 22.545. En la seminarioj estas 8800 teologio-studentoj. La katolikaj lernejos estas vizitataj de preskaŭ du milionoj da lernantoj. La tuta nombro de la katolikoj estas taksata sur 18,260.000.

**La Vatikana Koncilio.** Oni sciigas el Romo; ke la Papo ordonis, remalfermi la dokumentaron de la granda Vatikana Koncilio, interrompita per la politikaj okazintaĵoj de jaro 1870. Oni esperas, ke estos eble finigi la Konsilion en la 1925. Multaj cent da episkopoj partoprenos.

**La sekvonta eŭkaristia kongreso 1924.** Laŭ privata sciigo la sekvonta eŭkaristia kongreso okazus 1924 en Amsterdam, Nederlando. Ĝisnun oficiala sciigo pri tio ne estas konata al ni.

**La metodistoj sur la Monte Mario.** La usonaj metodistoj, kristana sekto kiu nun multe disvastiĝas en Eŭropo, intencis konstrui sur Monte Mario, kontraŭe de la Vatikano kaj la Preĝejo de Sta Petro, gigantan palacon, kiel internacian centron de sia movado. Laŭ la paroladoj de episkoj metodistaj (Henderson de Detroit k. a.) tiu konstruĵo giganta devus montri la superecon de la protestanta konfesio super la katolika.

Ĉiuj katolikaj, kaj eĉ ne katolikaj, rondoj de Romo protestis kontraŭ tiu plano, kiu prave povus ofendi la katolikan koron eble ne tiom per la fakto, sed pli multe per la malnobla intenco.

**Rusio.** La papa helporganizado subtenas nuntempe regule 125.000 personojn. Ĝi provizas 700 popolkuirejojn, hospitalojn, asilojn, orfanejojn ktp. Ili troviĝas en Krimio (39.000 infanoj, 6850 plenkreskintoj); Moskvo (24,470 i., 1400 p.); Krasnodar (14.300 i., 6500 p.); Rostov (6000 i., 5000 p.); Orenburg (20.000 i., 500 p.).

## Recenzejo.

**Internacia literaturo.**

**Compendium theologiae dogmaticae specialis** de P. Minges, O.F.M. 2a eldono 1922, eldonejo: Pustet kaj Kösel, Ratisbona-Regensburg, Germ.; tri partoj, po porto broŝ. 6·—, bind. 8·50 oraj markoj germ.

Tiu ĉi triparta dogmatika kompendio, latine skribita de la famkonata sciencuIo, estas tre rekomendinda por teologoj kaj seminarioj. La stilo estas simpla kaj klara; la aranĝo praktika; la multaj literaturaj citatoj montras la diligentan profundan sciencon de la verkisto. Kiam aperos tia verko en Esperanto?

**Biblia Sacra**, eldonita de P. M. Hetzenaŭer, O.M.Cap., sama eldonejo; 5 partoj, po parto broŝ. 3·50, bind. 5·—, lede bind. ora rando 8·50 oraj. markoj germ.

Certe la plej perfekta al ni konata eldono de la Malnova kaj Nova Testamento latina; poŝformato, belega papero senligna; modela aranĝo; la titoloj ruĝkolore presitaj; klarega presmaniero. La unuaj kvar partoj enhavas la malnovan, la 5a parto la novan testamenton. Prezo estas modesta kompare al la perfekta eldono.

**Geistige Kämpfe im modernen Frankreich** de Hermann Platz, eldonejo Kösel kaj Pustet, Kempten, Germ.

La spiritaj bataladoj en la moderna Francio, germane skribita de germana scienculo! Vere profundega, salutinda verko, kiu devus esti legata de ĉiu germana kaj ankaŭ franca pacamiko. Kun varma simpatio, eĉ kun admiro, kelkfoje kun moderigata kritiko la verkisto montras la spiritajn fontojn de la nacia kaj religia refortiĝo en Francio dum la lastaj dekjaroj. Ni vidas la imponajn karakterojn (kun iliaj fortoj kaj eraroj) de Vogué, Barrès, Mauras, Brunetière, de Mun, Marc Sagnier, Péguy ktp. Ni vidas kiel el la senreligia pesimismo elkreskas forta religia kaj nacia renoviĝo, dum samtempe la oficiala registaro kruele persekutas la eklezion. Ni komprenas la nunan vidpunkton nacian kaj politikan en Francio: kaj ni vidas ankaŭ, ke interpaciĝo kaj kunlaborado paca inter la germana kaj franca katolikaro — ĝis nun bedaŭrinde ne realigata — estas la plej urĝa tasko hodiaŭa. Tiaj verkoj, kiuj servas al la reciproka interpaciĝo, devas esti disvastigataj per ĉiuj niaj amikoj! Ni dezirus ricevi de francaj amikoj similajn verkojn aŭ artikolojn por konatigi ilin al la germanoj.

### Esperanto-literaturo.

**La Reĝo Judea**, dramo en kvar aktoj de K. R., eldonejo: P. Medem, Kaunas, Litovujo; prezo ne dirita.

Tiu religia dramo pri la Pasio de Kristo, travidita de Prel. Dombrovski, estas verkita de juna, jam mortinta verkisto rusa kaj pro sia enhavo, sia flua, belega lingvo ne bezonas rekomendon; ĝi estas ludebla sur scenejo. Formato, papero, presmaniero estas laŭdindaj; preseraroj maloftaj.

**Litova Almanako** de litova Esperanto-asocio, Kaunas, D. Vilniausg. 34; prezo ne dirita.

La almanako bone montras la spiritan kaj kulturan vivon de tiu malnova popolo kun ŝatinda kulturo, grava pro sia perada tasko inter oriento kaj okcidento. Krom kelkaj strangaj esprimoj la verko laŭ enhavo, stilo kaj eksteraĵo estas tre valora kaj rekomendinda.

**La almozulino de la „Pont des Arts"** de Haŭff, trad. Brüggemann, Esperanto-Verlag Friedrich Ader, Dresden A. 27. 1·10 fr. sv.

**El la mitologio de antikvaj popoloj** de Brüggemann; sama eldonejo —·70 fr. sv.

**Aventuro de la novjara nokto** de H. Zschokke, trad. Brüggemann; sama eldonejo —·60 fr. sv.

La daŭrigo de la „Universala Biblioteko" estas certe feliĉa. Brüggemann tradukas kun talento. Papero kaj eksteraĵo de la biblioteko estas tre bonaj. La enhavo de la du noveloj de Haŭff kaj Zschokke tre interesa kaj mondkonata.

**La Lulilo**, popola teatraĵo de D^ro^ A. Ausserer, trad. D^ro^ F. Christanell; eldonejo: Valentin Höfling, München; prezo 1·25 fr. sv.

La traduko de tiu vere popola verko de la famkonata katolika verkisto estas certe tre salutinda. La verko montras vivon kaj kutimojn de vilaĝanaro en la tirolaj alpoj. Pripensinda estas certe la demando, ĉu oni perfekte sukcesos, traduki popolajn teatraĵojn kun la ĉarmaj artifikaĵoj de originala dialekto por la internacia literaturo; ĉar la plej granda valoro ofte estas en la preskaŭ netradukeblaj originalaĵoj. La ludado, rekomendinda por grupoj, estas eble ankaŭ sur simplaj scenejoj. La kelkaj presaj kaj lingvaj eraroj facile estos forigeblaj en sekvonta eldono.

**Ĉi tiujn kaj ĉiujn aliajn librojn oni mendu ĉe Paŭlus-eldonejo!**

## Anoncetoj.

La kostoj por dufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la preson de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato. Antaŭpago kondiĉo!

Ĉiuj katolikaj kolektantoj interŝanĝas, aĉetas aŭ vendas ĉiulandajn kaj ĉiuspecajn poŝtmarkojn ĉe „Mikro", Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrio.

Kora peto. Neniu el niaj legantoj forĵetu afrankitajn kovertojn, kartojn, poŝtmarkojn ktp. Kolektu ĉion zorge kaj ensendu ĝin al „Mikro", Graz, Karmeliterplatz 5, por subteni la mision de Blanka Kruco.

Alexandro Barasits, pastro, Somogysámson, Hungario, dez. kor. pri ekleziaj temoj kun pastroj ĉiulandaj kaj aliaj katolikoj. Interŝanĝas ankaŭ neuzitajn P. M.

Katolika grupo esperantista en Düsseldorf (Germ.) deziras korespondi kun katolikaj grupoj esperantistaj de la tuta mondo. Skribu al S^ro^ Ant. Lobüscher, Düsseldorf-Hamm 126.

La rezulto de mia anonceto an K. M. II, 1—5 estas ke mi jam havas konstantajn korespondantojn en Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakio pri lernejo kaj geinstruista stato en tiuj landoj por mia litova ped. gazeto. Tio estas tre grava en nunaj tempoj, kiam daŭras kulturbataladoj inter katolikoj kaj kontraŭuloj. Mi korege dezirus havi similajn korespondantajn ankaŭ en aliaj landoj. Oni povas skribi ankaŭ germ., france aŭ angle, se estus iom malfacile per Esperanto. Mi promesas sendi uzitajn (aŭ neuzitajn) litovajn poŝtmarkojn. Adreso: S. Tijunaitis, Kaunas, Lukŝio g. 11, Lietuva (Litovujo).

Josef Lejhaner, oficisto, Pravy, poŝto Dobrenice u Hradec Kr., Ĉeĥosl. dez. interŝ. P. K. kun ĉiuj landoj; mi estas membro de „Orel".

S^ro^ Hans Chalaskewig, Berlin-Charlottenburg, Grolmanstr. 32, deziras korespondadi kun ĉiuj landoj; prezipe per poŝtkartoj ilustritaj.

S^ro^ Rud. Slivka, Kapfenberg, Feldgasse 4, Aŭstrio, dez. kor. kun tuta mondo, precipe kun Francoj kaj Rumanoj; l. P. K. il. bfl.

Otto Graf, inĝeniero, Cannstatt-Stuttgart, Haldenstraße 8 (Germanio). Vendado kaj aĉetado de ĉiuspecaj elektrikaj maŝinoj, aparatoj kaj materialoj. Teknikaj projektoj, kalkulaĵoj, komisioj, reprezentado kaj ellaboraĵoj.



## Rumanaj abonantoj!

Abonpagon por K. M., aliĝon al Ika, mendojn por Paŭlus-eldonejo akceptas: **Esperanto-Centro Rumana,** Bucuresti, Alea Suter 19.

## Germanaj abonintoj.

Pro la malcerta situacio de la germana marko ni **provizore** nur povas akcepti abonojn por duonkolekto, pagebla en aŭstraj kronoj. Prezo **de duonkolekto 5000 aŭ. kr.** Grupoj rabato. Oni povas senpere aboni per la poŝto. Tuj kiam rekonsolidiĝos la germana mono, la nova prezo en markoj estos publikigata.

## Abonprezoj de K.M.

**Unueca internacia abonprezo de K. M. por la 3a kolekto** (10 numeroj) estas **3 svisaj (oraj frankoj)** Abonintoj el malbonvalutaj ŝtatoj, kiuj **fakte** ne povas pagi tiun sumon, **povas** havi konvenan **rabaton** laŭ sekvonta modelo. Do abonprezo minimuma estas:

**Bonvalutaj ŝtatoj:** 3 oraj frankoj, ekz. Svislando, Anglio, Hispanio, Danio 3 fr.; ŝl.; pes.; kr.; Nederlando 1.50 fl.; Usono —.60 d.

**Mezvalutaj ŝtatoj:** ĝis 50% rabato; ekz. Francio 5 fr.; Italio 6 l.; Litovio 4 l.; Ĉeĥosl. 10 ĉ Kr.

**Malaltvalutaj landoj:** ĝis 66% rabato ekz. Jugoslavio 15 din.; Bulgario 20 l.: Rumanio 30 l.

**Plej malaltvalutaj ŝtatoj:** provizore ĝis 75% rabato ekz. Aŭstrio 10.000 aŭ. Kr.; Hungario 4000 hg. Kr.; por **Polio** ni provizore nur akceptas **duonkolekton** kun prezo de 20.000 p. m. Ĉiuj ŝtatanoj de tiu kvara klaso povas enpagi ankaŭ en aŭstraj kronoj (10.000 por kolekto).

Oni pagu ĉe niaj poŝtkontoj aŭ naciaj abonejoj. Por ŝtatoj, kie ne ekzistas malgranda papermono, oni pagu samvaloran sumon en alia konstanta valuto. Kie nacia abonejo au poŝtkonto ne ekzistas, oni pagu senpere per enskribita letero al Katolika Mondo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrio.

**Nur abonintoj el Aŭstrio kaj Germanio povas senpere aboni per la poŝto.**



Posedanto, Eldonejo: Paŭlus-eldonejo (Ika), Graz, Karmeliterplatz 5. — Responta redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz, Karmeliterplatz 5. — Presistejo: „Styria", Graz.